# INTERNACIA JURNALISTO n-ro 4/93

organo de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## Diligenta kolegaro ŝvite laboris

**Kelkaj gravaj decidoj de l' membro-kunveno de TEĴA**

**La ĉi-jara membro-kunveno de TEĴA dum la varmega 78a Universala Kongreso de Esperanto en Valencio (Hispanio) decidis pri pluraj aferoj gravaj por nia fak-asocio. Jen konciza prezento (detalan raporton trovu interne de ĉi tiu numero):**

● TEĴA per sia aparta PREMIO PRIVAT nun povas distingi meritoplenajn kolegojn; por la unua fojo ĉi tiun premion ni aljuĝis al redaktoro Zlatko DIZDAREVIĈ de ĵurnalo en Sarajevo, i. a. por tiel morale subteni sendependan ĵurnalismon en malfacilaj cirkonstancoj de milito en Bosnio-Hercegovino.

● Unuanime la kunveno aprobis la projekton TREJNADO DE ĴURNALISTOJ, kiun ni realigos kaj proponos prioritate en formo de korespondа kurso.

● Definitive la kunveno decidis pri l' ETIKA KODO DE ĴURNALISMO, tiel ke nun la statuto de nia asocio estas kompleta.

● Frontante gravajn financajn problemojn, la kunveno decidis pri NOVAJ MEMBRO-KOTIZOJ: 30 germanaj markoj ekde 1994 por okcidentaj membroj. Krome ni decidis, ke orient-eŭropanoj ekde la venonta jaro devos nepre pagi la egalvaloron de 5 germanaj markoj.



***Plenŝtopita per tekniko** - jen, kiel prezentas sin moderna laborloko de televid-redaktoroj. Oni demandas sin, ĉu ankoraŭ povas funkcii la malnova ĵurnalisma regulo, ke formo (tekniko) kaj enhavo devas harmonii unu kun alia, aŭ ĉu tekniko eble pli kaj pli sufokas enhavojn.*
Foto: Siemens

## ENHAVO

*KOLOFONO*

**INTERNACIA ĴURNALISTO**
Organo de

TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

Aperas 4foje dum jaro.

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio, tel./telefakso (49) 821 / 520385
Redaktofino de ĉi tiu numero: 12 sep 93



Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.

Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.

*Verantwoordelijke uitgever:* Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Kompostata per Atari Signum 2. Presata de Flandra Esperanto-Ligo.



**Membrokotizo:** 30,00 germanaj markoj aŭ 21 usonaj dolaroj jare

# OFICIALAJ INFORMOJ de la TEĴA-estraro

● **Pagu vian membro-kotizon 1994!** Kiel vi povas legi en la raportoj pri la membrokunveno de TEĴA en Valencio, la membrokotizo ekde 1994 por okcidentaj landoj estas 30,- **germanaj markoj** (DEM) aŭ egalvaloro (ekzemple 21,- usonaj dolaroj). La estraro urĝe petas ĉiujn membrojn, laŭeble baldaŭ pagi la kotizon por 1994, por ke TEĴA povos repagi siajn ŝuldojn.
Membroj de landaj sekcioj kiel antaŭe pagu kotizon al la sekcio. Individuajn membrojn en orient-eŭropaj landoj la estraro petas urĝe - se iel eble - pagi kotizon de minimume 5,- **germanaj markoj**; se vi havas eblecon, helpe de okcidenta valuto, per konto okcidenta (ekz. ĉe UEA), helpe de amikoj k. s. pagi pli altan aŭ plenan kotizon de 30,- DEM, bonvolu fari tion. TEĴA kalkulas je via solidareco!

● **Ĉu vi pagis por 1993?** Kiel vi ankaŭ povas legi en la raportoj pri la membro-kunveno, bedaŭrinde multaj okcidentaj TEĴA-anoj ne pagis kotizojn por la nuna jaro. Ili ricevis personan leteron kun admono; tamen povas esti, ke vi ne ricevis tian leteron, kvankam vi ne pagis. Bonvolu do kontroli kaj en negativa kazo pagi la ŝuldon kun kotiz-ĝirado por 1994.

● **Nur 3 numeroj de IĴ en 1994.** Jam nun ni volas atentigi, ke en 1994 aperos nur 3 numeroj de nia organo *Internacia Ĵurnalisto*, el kiuj la unua estos duobla numero 1-2/94. Kvazaŭ kvara numero estos la jarlibreto de TEĴA, kiujn membroj ricevos senpage.

● **Membrokarto.** Nove aliĝintoj TEĴA-anoj jam dum la lastaj monatoj ricevis la novan membrokarton, se ili sur aliĝilo petis ĝin. Se vi estas membro aliĝinta pli frue kaj tamen ankaŭ volas havi la novan, pli bonan membrokarton, vi povas peti ĝin de la kasisto, tamen li sendos al vi nur, se vi ĉemetas internacian respondkuponon aŭ pagas alimaniere la sendkoston.

**Rubriko *LETEROJ*** pro spacomanko ne aperas en ĉi tiu numero.

**UEA-konto de TEĴA: ttmj-f.**

## KIEL PAGI AL FLANDRA ESPERANTO-LIGO?

**Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.**

- Se en via lando ekzistas poŝtĉekkonta sistemo, vi povas pagi al poŝtĉekkonto n-ro 000-0265338-43 (poŝtĉek-oficejo Bruselo, Belgio), de Flandra Esperanto-Ligo;
- Se en via lando ekzistas Eŭroĉekoj, vi povas sendi tian ĉekon. La valuto devas esti la **belga franko** (BEF) kaj dorse de la ĉeko devas troviĝi **via bankkartnumero**;
- Posedantoj de VISA-, MASTERCARD-, EUROCARD- aŭ ACCESS-kreditkarto simple sciigu per subskribita karto sian numeron kaj validodaton;



- Se vi havas konton ĉe UEA, sendu ĝirilon. La kontkodo de Flandra Esperanto-Ligo estas fela-x;
- Se vi havas konton en usona banko, sendu al ni ordinaran usonan bankĉekon. En tiu kazo la valuto devas esti la **usona dolaro** (USD).

Nur se vi ne povas pagi laŭ unu el la kvin supraj vojoj, uzu la jenajn, kiuj tamen kostos al vi multe pli:

- Sendu al ni ordinaran bankĉekon el via lando, prefere en belga valuto. Aldonu al la sumo 225 BEF aŭ ties egalvaloron plus la sumon kiun fakturos via banko. Bv. informiĝi tie. Sur la ĉeko vi skribu la nomon **Flandra Esperanto-Ligo**.
- Sendu al ni internaciajn respondkuponojn. Ili validas, se ili estas nur maldekstre stampitaj. Unu respondkupono egalas al 28 BEF.

# Financ-problemoj premas nian asocion

**Raporto pri la TEĴA-membrokunveno en Valencio**

**Spite al malfavoraj cirkonstancoj, dum la 78a UK en Valencio la membrokunvenon de TEĴA ĉeestis entute 22 personoj, kiuj aktive partoprenis diskutojn kaj faris gravajn decidojn, pri kiuj vi povis legi koncize jam sur la unua paĝo.**

La kunveno okazis en instruista lernejo, 500 metrojn for de l' kongresejo. Tiun lernejon la kongresanoj kutime nomis *bakforno*, ĉar ĝi ne disponas pri klimatizado - do vere oni ŝvitis eĉ sen moviĝi. Malbonŝance, krome, samtempe okazis grava komitat-kunveno de UEA, kiun devis kaj volis partopreni pluraj TEĴA-membroj. La timo de l' prezidanto, ke venos nur kelkaj homoj por bakiĝi, tamen montriĝis superflua.

Sed pro la varmego oni rezignis pri voĉlegado de l' agad-raporto de la estraro, kiun vi povas legi en ĉi tiu numero. El la estraro, cetere, povis ĉeesti krom la prezidanto nur kasisto Dino FABRIS. Kaj li ne havis bonajn informojn.

**Giganta ŝuldo**

La financa situacio de l' asocio estas katastrofa. Ĝis la dato de la kunveno la ŝuldo sumiĝis jam al pli ol 2500 germanaj markoj! Tion kaŭzis ne nur la elspezigaj aktivaĵoj (precipe eldonado de nia organo *Internacia Ĵurnalisto*), sed ankaŭ la fakto ke

- preskaŭ ĉiuj **orienteŭropaj** membroj ne povas pagi kotizon aŭ ke ĝi estas ekstreme malalta, kaj ke
- duono de l' **okcidentaj** membroj simple **ne pagis kotizon**...

Pri la motivoj de tiuj nepagintoj oni povas nur enigmumi. La estraro decidis, sendi al ili personan leteron; tio denove kaŭzas elspezon, sed eble alportos ankaŭ iom da enspezo. Laŭ la statuto nepagintoj post certa tempo perdas membrecon, cetere.

Por ŝpari, la estraro krome decidis aperigi numerojn 1 kaj 2 de 1994 kiel duoblan numeron kun nur 16 paĝoj; tiel ni povos parte financi la eldonon de la jarlibreto. La membrokunveno akceptis ĉi tiun decidon.

En la diskuto montriĝis neniu mirakla solvo de l' financ-problemoj; ankaŭ ne aperis la *mecenato*, kiun sopiris la prezidanto...

Oni proponis i. a.:

- Kunlaborantoj de *Monato* donacu sian **honorarion** tute aŭ parte al TEĴA.
- Okcidentaj membroj pagu kotizon **por pluraj jaroj**, tiel ke la asocio povas nun repagi la ŝuldon almenaŭ parte.
- Okcidentaj membroj, kiuj kapablas, **donacu** monon al TEĴA: eĉ modesta sumo helpas.

**Orientanoj devas pagi**

La estraro proponis krome, ke ekde 1994 TEĴA insistu pri pago de la minimuma kotizo de 5 germanaj markoj en orienta Eŭropo. Landaj sekcioj devas garantii tion; krome unuopaj membroj, kiuj havas la eblecon (ekzemple per konto en okcidenta lando, helpe de amikoj k. s.), pagu la kompletan kotizon validan por okcidento.

La membrokunveno akceptis ĉi tiun proponon.

**30 markoj ekde 1994**

Fine de la diskuto pri la financa situacio oni venis al konkludo, ke sen altigo de l' kotizo TEĴA ne povos solvi la problemon. Iuj proponis duobligi la kotizon por okcidentanoj al 40 germanaj markoj, sed al la plimulto tio ŝajnis esti tro drasta paŝo. La kompromisan proponon, fiksi la kotizon ekde 1994 je 30 germanaj markoj, akceptis la kunveno sen kontraŭa voĉo.

Pro la fakto, ke la kasisto atendis tian ŝanĝon, li ne prezentis buĝet-proponon al la membro-kunveno. Ĝin devos nun ellabori la estraro.

La kunveno senŝarĝis unuanime la estraron.

**Etika kodo**

Pri la propono por nova teksto de punkto 9 de l' etika kodo, aperigita en IĴ 4/92, estiĝis vigla diskuto. Fine tamen oni konsentis al la opinio de l' prezidanto, ke la teksto konformas al esenco de Esperanto-kulturo (teoleremo kaj respekto al konvinkoj de aliaj) kaj ne malhelpas pravan kritikon. La kunveno akceptis ĝin kun 2 sindetenoj. Tiel nun la statuto de TEĴA definitive estas kompleta.

**Internacia Ĵurnalisto**

La redaktoro klarigis, ke li frontas diversajn problemojn, precipe ĉar verkas nur malmultaj membroj por nia organo. Tamen montriĝis en la diskuto, ke oni estas ĝenerale tre kontenta pri la revuo kaj juĝas ĝin tre valora.

**Trejnado**

La raporto de Paŭlo GUBBINS pri trejnado de ĵurnalistoj, prezentita al la kunveno, trovis ĝeneralan aprobon kaj laŭdon. En la diskuto montriĝis, ke simile kiel la raportinto mem ankaŭ pluraj aliaj opinias, ke estas malfacile realigi regionajn kursojn kaj staĝojn. La kunveno do rekomendis al la komisiono pri trejnado, ellabori perkorespondan kurson. (La raporton vi trovas en ĉi tiu numero.)

Pri la cetera laborplano oni konsentis, ke nun ne havas sencon aliri la malpli urĝajn celojn. La jarlibro probable estos preta fine de ĉi tiu jaro.

**Premio starigita**

István ERTL proponis starigi laŭ § 7.2 de la statuto specialan premion por distingi neesperantistajn ĵurnalistojn; li proponis nomi ĝin PREMIO PRIVAT, memorige al la eminenta esperantisto kaj fama ĵurnalisto Edmon PRIVAT. Aktuala motivo por tiu ĉi propono estis, honorigi kroatan ĵurnaliston Zlatko DIZDAREVIĈ, redaktoron de sendependa ĵurnalo en Sarajevo.
La kunveno unuanime akceptis ĉi tiun proponon. (Vidu pri tio raporton, intervjuon kaj recenzon de lia libro en ĉi tiu numero.)

**Modela helpo**

En n-ro 1/93 IĴ atentigis pri la problemoj de *Albana Esperantisto* kaj demandis, ĉu eblus ke eksterlande oni helpas. En la kunveno Marija BELOSEVIĈ, redaktorino de *Kroata Esperantisto*, povis raporti ke fakte danke al la helpo de Kroata Esperantista Unuiĝo aperis plia numero de *Albana Esperantisto*.

Post tiu ĉi bona novaĵo, la prezidanto povis adiaŭi la ŝvitantajn gekolegojn, dankante pro vigla kunlaboro. sm

## Agad-raporto 1992 – 1993

Post pluraj jaroj de stagnado de TEĴA, la membrokunveno de nia asocio dum la 77-a UK en Vieno 1992 definitive markis gravan turnopunkton. Oni akceptis novajn statuton, reglamenton, laborplanon kaj elektis novan estraron. Estis fiksita membrokotizo kaj estis entreprenitaj unuaj paŝoj por plenumo de la plej urĝaj taskoj: aperigo de informkajereto kaj varbilo „TEĴA prezentas sin", starigo de laborkomisiono por preparo de seminarioj por trejnado de ĵurnalistoj, zorgoj pri pli bona funkciado de la gazetara servo kaj kongresa kuriero dum la UK.

En la unua kunsido post la membrokunveno en Vieno, la Universalan Kongreson ĉeestintaj estraranoj Maul, Georgiev, Korĵenkov kaj Kosieniak priparolis pluajn aferojn kaj prenis decidojn, kiujn poste aprobis la kompleta estraro. Kiel plej urĝaj farendaĵoj estis notitaj la jenaj:

- eldono de informkajereto de TEĴA;
- eldono de novaj modernaj membrokartoj;
- aperigo en nia organo „Internacia Ĵurnalisto" en 1993 de listo de la TEĴA-membroj;
- okazigo de seminarioj por trejni ĵurnalistojn okaze de E-kunvenoj, konferencoj kaj kongresoj;
- aranĝo de speciala seminario aŭtune de 1993 en Poprad (Slovakio) pri specifaj karakteroj kaj problemoj de ĵurnalismo en diversaj landoj;
- kompilo de gvidlibro pri organizado de gazetara servo kaj kongresa kuriero dum UKoj.

**Unuaj aktivaĵoj**

El tiu listo de gravaj aferoj TEĴA prioritate aperigis komence de 1993 la informkajereton kaj varbilon „TEĴA prezentas sin". Tiu informilo estis urĝe bezonata por varbado de novaj membroj, ĉar ĝis tiam je informpeto ni sendis ekzempleron de nia gazeto kaj aliĝilon. Tiu praktiko ne estis rezultodona kaj sukcesa, ĉar ekzemplero de IĴ unue kostas monon, kaj due, la interesiĝanto ne ricevis la necesajn bazajn informojn pri nia asocio. Al tio ni aldonu, ke ĝis tiam mankis ankaŭ la statuto en presformo, kaj aliĝinte oni ja devis subskribi, ke oni agnoskas la statuton.
Do la aperinta 16-paĝa kajereto en formato DIN A 5 enhavas ĉiujn bazajn donitaĵojn pri TEĴA: konciza klarigo pri tio, kio estas TEĴA kaj ties celoj; kompletaj tekstoj de statuto, etika kodo kaj reglamento; aktuala laborplano de TEĴA akceptita en Vieno; gravaj adresoj; indikoj pri membriĝo kaj aliĝilo.

Nova membrokarto estis presata, estos ankoraŭ ĉi-jare je dispono de la membroj kaj utila al ties aktivado.

El la urĝe necesaj eldonoj aperis la unua versio de praktika konsilaro por gazetara servo kaj kongres-kuriero sub la titolo „Informado dum kaj pri la Universalaj Kongresoj - gazetara servo - kongresa kuriero - konsiloj kaj klarigoj". Rezulte de la kunlaboro de pluraj personoj tiu ĉi unua eldono estiĝis sufiĉe ampleksa (40 folioj en formato DIN A 4). La valoro de tiu konsilaro estas ĉefe praktika, ĝi prezentas praktikajn ekzemplojn, modelojn kaj formularojn por rekta aplikado.
En ties unua parto estas koncizaj, sed tute kontentigaj klarigoj pri funkcioj kaj taskoj, pri bezonataj personoj kaj teknikaj instalaĵoj. La dua parto mencias kaj prikomentas la preparlaborojn. Ne estas preterlasitaj detalaj informoj pri la taskoj de gazetara servo kaj kongresa kuriero. Ĉiuj paŝoj kaj farendaĵoj tiukampe estas profunde kaj sinsekve traktitaj. Krom tio en la dua parto estas ankaŭ modeloj kaj ekzemploj de komunikoj, kongres-kurieroj, formularoj ktp.

**Modifoj en nia fak-organo**

Ekde n-ro 1/1993 nia organo „Internacia Ĵurnalisto" modifis la aspekton de sia frontpaĝo kaj elektis novan litertipon por titoloj. La kialo por tio, kiel eksplikas ties redaktoro Stefan Maul, estas precipe teknika: la nova litertipo estas pli konvena por titoloj, kaj eble ankaŭ pli bela. Estis ŝanĝita ankaŭ la kapo de nia revuo. La malnova estis tro impona por tiel modesta gazeto, kaj la simbolo de TEĴA - inkoplumo kun E-stelo

- eksmodiĝinta. Sur la frontpaĝo ekde n-ro 1/1993 staras ĉefartikolo, grafikaĵo k. s. Tiumaniere ni gajnis kroman spacon por tekstoj. Tamen plu restas serioza problemo, ke ne venas kontribuaĵoj en kontentiga kvanto por IĴ.

**Membro-listo**

Grandan parton de la sama kajero (n-ro 1/1993) okupis la membrolisto de TEĴA, fiksita je la gazetkorpo, ke oni facile povas eligi kaj poste uzi ĝin. Tio estas provizora eldono. Ĉar mankas mono, ni decidis aperigi ĝin en nia gazeto. La membrolisto certe estos grava parto de estonta jarlibreto de TEĴA. En ĝi krome aperos ankaŭ statuto, reglamento, laborplano kaj aliaj necesaj eroj de TEĴA.
Nia prezidanto Stefan Maul laŭ instigo de profesoro Tyburcius Tyblewski, dekano de la Morfoscienca Sekcio de Akademio Internacia de la Sciencoj - San Marino, ekpreparis strukturon kaj materialon de kurso por studentoj, kiuj emas lerni ĵurnalistikon. La kurso konsistas el du gravaj elementoj: komunikadscienco (teoria, priskriba bazo de moderna komunikado kaj ĵurnalismo ĝenerale, ties diversaj efikoj kaj funkcioj; emfazo al internacia komunikado) kaj ĵurnalistiko (praktika kurso ebliganta trovi poste laborlokon en tiu profesio; lekcioj kaj ekzercoj pri ĵurnalistaj laboroj kaj metodoj). Inter la sesioj la studentoj praktikados en redakcioj en siaj hejmlandoj. Ankaŭ TEĴA povus utiligi la kurson, ĉerpante materialon por la planataj kursoj pri trejnado de ĵurnalistoj.
Evgeni GEORGIEV
ĝenerala sekretario de TEĴA

**VALENCIO**

## Vizito al televido

Laŭ iniciato kaj propono de l' prezidanto de LKK, Augusto CASQUERO DE LA CRUZ, grupo de 14 personoj, plejparte membroj de TEĴA, povis viziti la relative novan kaj tre modernan centralon de televizio de Valencio *Kanalo Naŭ*. Enkonduke oni montris al la esperantistoj vidbendon pri la centralo, poste kondukis ilin tra la konstruaĵo, montrante kaj klarigante ekipaĵon kaj studiojn.
Unu el la celoj de *Kanalo Naŭ* estas plifortigi la pozicion de la loka lingvo, la valenciana.
TEĴA-prezidanto Stefan MAUL dum la fina koktel-akcepto transdonis kelkajn ekzemplerojn de diversaj E-gazetoj kaj aktualan numeron de l' kongres-kuriero *Valencia Suno*.

**TEĴA**

## Trejnado de ĵurnalistoj

### Raporto kaj proponoj

**Kiel altigi la nivelon de E-ĵurnalistoj (ĵurnalistoj en plej vasta senco de la vorto), devas esti unu el la kernaj taskoj de TEĴA.**

Ŝajnas, ke ĉiu, kiu lernis Esperanton - eĉ ne ellernis ĝin - kredas sin rajtigita forblovi la polvon de sur skribomaŝina, komputora klavaro kaj monden ekspedi diversspecajn fuŝaĵojn, inkl. de reform-projektoj, polemikoj kaj aliaj „amataj ĉevaletoj".

Ĉiuj ĉi - ofte - ĝisnaŭze malkoncizas, tro subjektivas, lingve lamas - sed ial trovas lokon en E-gazetaro avida je kvanto koste de kvalito (dum nacilingvaj tiaĵoj tuj enrubujiĝus).

E-instruistoj alfrontas samajn problemojn koncerne amatorecon. ILEI do - kun iom da sukceso - organizas internaciajn ekzamenojn por E-lernantoj kaj seminariojn por E-instruistoj. La ekzamenojn prizorgas aparta komisiono konsistanta el aprobitaj, oficiale agnoskitaj spertuloj. Eble ĝis certa grado sekvindas la ekzemplo de ILEI.

Pro tio estas proponite, ke

1. estiĝu TEĴA-komisiono, kiu respondecas pri trejnado;

2. la komisiono konsistu el ĝis kvar membroj, estant/intaj profesiaj ĵurnalistoj (prefere almenaŭ unu radio-ĵurnalisto);

3. la komisiono starigu perpoŝtan kurson por ĉiu, kiu iel praktike okupiĝas pri Esperanto-amaskomunikiloj;
○ kurs-kotizo(j) estu fiksita(j), kiu(j) inkluzivos
*Manlibron pri Ĵurnalismo* (Junger/Maul)
○ membrecon en TEĴA (por ne-membroj)
kaj konsistos el
○ serio da praktikaj ĵurnalistaj taskoj: verkado de specimenaj artikoloj (kongres-raporto, turisma raporto, intervjuo, aparta E-temo, raporto pri faka kunsido aŭ seminario, artikoloj pri temoj politika, ekologia, aktuala k. s.;
○ eseoj pri etiko;
○ tralego, prikomento, poentigo de la taskoj de komisiano ( = konsilanto/docento), kiu resendos al studantoj la kompletigitajn taskojn;
○ kaj fine de la kurso (10 lecionoj?) studintoj ricevos diplomon/atestilon pri kapableco de TEĴA (eble „kun honoro" por studintoj atingintaj pli ol 70%-an poento-averaĝon).

Volonte mi preparos pli detalan stud-programon, kune kun regularo kaj specimenaj lecionoj/taskoj. Radio-ĵurnalistoj havas apartajn bezonojn, pri kiuj mi ne kompetentas; pro tio mi devos peti helpon de radio-fakulo. Tamen sendube iuj skribaj taskoj (ekz. verkado de artikolo pri politika temo) faci-

le (?) fariĝus parolaj taskoj, kaj studantoj povus prepari anstataŭ verkaĵo sonbendon.

Same pri praktika, presista helpo por eldonantoj de la amaso de E-revuetoj mi apenaŭ kompetentas; tamen tiu ĉi flanko ege gravas kaj devas inkluziviĝi en trejnado-programo.

*Ni devas trovi inter la membroj de TEĴA tri komisianojn (mi estos la kvara!). Preparinte detalajn planojn, mi tiujn sendos al ili por komentoj, revizio, diskuto, poluro ktp.*

4. Aprobitaj TEĴA-membroj (ekz. diplomitoj de TEĴA) estigu dum naciaj kongresoj praktikajn sesiojn pri (ekz.) *Kiel verki por la E-gazetaro.*

5. Evidente ĉiam eblas - kaj multe valoras - internaciaj seminarioj pri trejnado, sed dubinde estas, ĉu partoprenos sufiĉe da homoj.

Pro tio mi rekomendas perpoŝtan, korespondan trejnadoprogramon, kiu akcelos la agadon de TEĴA kaj samtempe pli vaste propagandos ties ekziston.

Paŭlo GUBBINS

**BELETRO**

# Eperanto agnoskita de PEN-klubo

**Esperanto nun troviĝas en la oficiala listo de l' internacia aŭtora asocio PEN-Klubo.**

La agnosko okazis dum la inaŭguro de l' 60a PEN-mondkongreso la 6an de septembro en Santiago de Kompostelo (Hispanio), kiun partoprenis pli ol 300 membroj.
Esperantistaj verkistoj membras jam de du jaroj en PEN-Klubo. Kondiĉo por agnosko de lingvo estas, ke minimume 20 aŭtoroj verkadas en ĝi. Nun estas jam pli ol 50 lingvoj, kiuj estas oficialigitaj de PEN. *Giorgio Silfer* deklaris, ke la akcepto fare de PEN-Klubo signifas „agnoskon de Esperanto kiel literatura lingvo" cent jarojn post ĝia publikigo fare de L. L. Zamenhof. (laŭ dpa)

**INTERVJUO**

# Ŝokaj rakontoj, al kiuj ne eblas indiferenti

**Ĵus aperis tute ŝokaj *Rakontoj pri Sarajeva Sieĝo* de Zlatko Dizdareviĉ. Unu el la kvar kuneldonintoj, *István Ertl*, donis al ni intervjuon pri ĉi tiu libro.**

*Kion vi diras pri la enhavo de ĉi tiu libro kaj kiel ĝi kreiĝis, en kiaj cirkonstancoj?*

„Rakontoj pri Sarajeva Sieĝo" estas tute aparta libro, ĉar laŭ mia scio ĝi aperis kiel la unua atestaĵo de iu, kiu mem vivis kaj plu vivas en Sarajevo. Zlatko Dizdareviĉ estas ĵurnalisto de *Oslobodjenje* [1]), sendependa Sarajeva ĵurnalo, en kiu li laboras kun serboj, kroatoj kaj muzulmanoj, tiel pruvante, ke la sieĝo de Sarajevo tute ne rezultas de iu ĉie ĉeesta, heredita interetna malamo. Estas aldoninde, ke ĝi estas la sola sendependa ĵurnalo en Bosnio-Hercegovino, kiu ĉiutage aperis, malgraŭ manko de papero, eĉ en la plej teruraj momentoj de la milito. En iu tempo Dizdareviĉ verkis ankaŭ ĉiutagajn notojn por la kroata

**Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio**
per sia
**PREMIO PRIVAT**
honorigas kolegon
**Zlatko Dizdareviĉ**

La membrokunveno de TEĴA la 30an de julio 1993 en Valencio, Hispanio, unuanime decidis aljuĝi la premion al li, por tiel agnoski liajn meritojn pri objektiva, sendependa kaj honesta ĵurnalisma agado sub plej malfacilaj kaj teruraj cirkonstancoj, kaj por morale subteni lian persiston en batalo kontraŭ milito kaj por homeco.
En tio li mirinde similas al *Edmond Privat*, eminenta esperantisto kaj fama ĵurnalisto, kiu dum sia tuta vivo batalis por liberigo de subpremitaj nacioj kaj - kiel amiko de *Henri Dunant*, fondinto de Ruĝa Kruco - por helpo al milit-suferantoj.
La premio konsistas el dumviva, senpaga membreco en TEĴA. Krome ni donacas unujaran abonon de *Monato - internacia magazino sendependa* al li.
La estraro aparte ĝojas, ke helpe de TEĴA-membroj ĵus povis aperi Esperanto-traduko de liaj *Rakontoj pri Sarajeva Sieĝo.*

Kun gratuloj kaj bondeziroj

*Stefan Maul*
prezidanto de TEĴA 30 jul 1993

ĵurnalo *Slobodna Dalmacija* [2], al kiu li ĉiutage telefaksis la artikolojn. Kaj okazis tiel, ke en Sarajevo la telefaksa kontakto ne ĉiam estis facila. Ofte li ne sukcesis transkomuniki siajn artikolojn al Kroatio, sed al pariza konato, Saŝa Sirovec, kiu estas esperantistino. Kaj de tie oni resendis la artikolojn per fakso en Kroation, kie ili aperis. Tiu ĉi serio de raportoj fariĝis kompleta verko. Kaj estis la ideo de Saŝa Sirovec, ke oni eldonu ĝin kiel libron, unue en la franca lingvo. Tiu aperis en februaro nunjare kaj tuj fariĝis furora, ĉar kompreneble ĉiuj volis scii el rekta fonto, kio okazas en Sarajevo. Kaj ankaŭ tuj aperis la ideo, ke oni eldonu ĝin en Esperanto. La franca eldonisto tre afable konsentis pri ĉiuj kondiĉoj kaj ĝi vere realiĝis en internacia kunlaboro. La esperantiginto estas François Lo Jacomo, la edzo de Saŝa Sirovec, franco; la tradukon kontrollegis Saŝa kaj mi, hungaro, laboranta en Nederlando; la presadon prizorgis Imre Szabó en Budapeŝto.

*Kaj kuneldonis ĝin kelkaj homoj...*

Kunfinancis ĝin krom la geedzoj Lo Jacomo kaj mi ankaŭ Mark Fettes kaj Ĵak Le Puil. Fakte Ĵak Le Puil, la redaktoro de *Kancerkliniko*, estas la disvendanto de la libro.

*Ŝajnas al mi, ke ĉi tiu vere unika dokumenta libro havas la ŝancon atingi diversajn lokojn en la mondo.*

Jes, ĝuste, vi pravas, ĉi tion mi volas elstarigi: la celo tute ne estas profiti el la eldono, tio ja estus eĉ malmorala; sed ni ankaŭ ne povas profitigi la aŭtorojn, ĉar la Esperanto-eldonkvanto estas tro malgranda por esperi ian enspezon. Ni ĉefe esperas, ke ĉiuj esperantistoj povos ĝin legi. Pro tio ni ofertas la libron al ĉiuj libroservoj en nepagipovaj landoj por triono de la okcidenta prezo, kiu lasta estas dudek guldenoj. Ni scias, ke eĉ tiel la libro kostas multe, bedaŭrinde...

*La libro rakontas pri antaŭnelonga pasinteco. Ĉu ne tamen la enhavo estas ege aktuala, ĉar la demando de Bosnio-Hercegovino tute ne finiĝis? Eĉ kiam, espereble baldaŭ, oni finos la aferon, solvos la problemon, la libro do plue estos dokumento leginda, ĉu ne?*

Certe jes! Krome jam pretiĝas, bedaŭrinde aŭ feliĉe, la dua libro de Zlatko Dizdareviĉ en la franca lingvo. Ni ne scias, ĉu ĝi iam havos Esperanto-tradukon, eble tio dependos de la disvendiĝo de la unua volumo, sed tiu dua parto daŭrigas tiun saman dokumentan stilon. Ni esperu, ke tiu Sarajeva sieĝo baldaŭ finiĝos...

*... ni interparolas la 26an de julio...*

... sed ni ne scias, kiam tiu katastrofo finiĝos...

*Ni esperu, ke oni trovos solvon, sed tamen ni ankaŭ esperu, ke entreprenemaj esperantistoj utiligos tiun Esperanto-eldonon por laŭeble vaste diskonigi ĝin tra la mondo, por, eventuale, traduki ĝin en diversajn naciajn lingvojn, cele al diskonigo de la vero pri Sarajevo kaj cele al la montro de la komunika valoro de Esperanto.*

Jes, certe tion esperas ankaŭ la franca posedanto de la eldonrajto. Kaj ni fieru, ke post la franca kaj nederlanda eldonoj, la Esperanta estas la tria, ĝi antaŭas la usonan eldonon, ekzemple.

*Malofte aperas tiaj dokumentoj, en kies realigo la iniciato troviĝas en la manoj de esperantistoj...*

Jes. Por paroli pri la temo, kiu estas ofte kara por esperantistoj: ankaŭ leviĝis lingvaj, stilaj, terminaj problemoj en la priparolata verko, ĉar kiam oni parolas pri aktualaĵo, ĝi postulas sian propran vort-trezoron, ni devis do enkonduki neolo-



**Zlatko Dizdareviĉ**
naskiĝis en 1948 en Beogrado, „en familio en kiu oni sentis sin unuavice jugoslava". Lia patro, el muzulmana bosnia familio, estis oficiro en la jugoslava armeo. Studinte juron en Sarajevo, li eklaboris kiel ĵurnalisto, en 1971, por la ĵurnalo *Oslobodjenje* (Liberigo). Li fariĝis respondeculo pri interna politiko, asista ĉefredaktoro kaj, inter 1983 kaj 1988, korespondanto en Kairo (Egiptio). Li kunlaboris ankaŭ kun multaj eŭropaj, amerikaj kaj proksim-orientaj gazetoj, krome fariĝis ĉefredaktoro de semajn-gazetoj *Svijet* (Mondo) kaj *Nedjelja* (Dimanĉo), kiun li mem kreis.
Ekde la komenco de la konflikto en Bosnio-Hercegovino, Zlatko Dizdareviĉ estras la „militan redakcion" de *Oslobodjejnje* kaj kunlaboris kun la sola tiam sendependa kroata ĵurnalo *Slobodna Dalmacija* (Libera Dalmatio) en Split, en kiu li aperigis taglibron pri la sieĝo de Sarajevo.
En 1988 li verkis libron *Tempo por decidi* pri la rilatoj inter Israelo kaj arabaj landoj.
Li ricevis plurajn premiojn. Laste *Reporteroj sen limoj* aljuĝis al li sian unuan premion pro defendo de gazetara libereco.

---

[1] Oslobodjenje = Liberigo
[2] Slobodna Dalmacija = Libera Dalmatio

gismojn glositajn, kiel „ĉetniko"...

*... ĉu tiujn vortojn oni prezentas en apendico?*

Jes, la celo estis, ke ankaŭ esperantisto, kiu konas eble ne pli ol du mil vortojn, povu ĝin facile kompreni. Ĉiu nekutima vorto estas glosita. Fakte, tie ni frontis problemon: ne pri vortoj, sed pri kulturaj realaĵoj, kiuj en la momento de la verkado estis evidentaj, ĉar finfine la tekstojn verkis Sarajevano unuavice por kroataj legantoj, do por la sama kulturo. Kaj pro aŭtentikeco ni gardis tiujn aferojn, kaj fine notis nur la nepre nekompreneblajn vortojn. Ekzemple, li mencias Micky Mouse (Miki-Muso), ĉu ĝi estas glosenda? Ni devis decidi pri tiaj aferoj.

*Kaj?*

Micky Mouse finfine oni ne glosis, mi kredas.

*Certe temas pri konata estaĵo. Nu bone, finante mi ankoraŭfoje volas rekomendi la libron de Zlatko Dizdareviĉ „Rakontoj pri Sarajeva Sieĝo" al ĉiuj, kiuj ŝatas tiajn „unuamanajn" dokumentojn. Mi substreku, ke la libro estas aĉetebla pere de la libroservo de UEA kaj...*

... kaj pere de la ĉefa disvendanto Ĵak Le Puil...

*... certe jes! Gravas, ke ĉi tiun tre legindan libron oni povas akiri tute facile kaj post la konatiĝo kun la enhavo oni povas iniciati la aperigon de la libro en diversaj naciaj lingvoj, kio povus ja demonstri la praktikan, perantan valoron de Esperanto. Ne parolante, kompreneble, pri la ebleco aperigi fragmentojn de la dokumento en nacilingva gazetaro por inter alie montri, ke ni esperantistoj ne nur tramaĉas niajn internajn aferojn movadajn, sed ni scias, en kia mondo ni vivas kaj ni trovas en ĝi taŭgan lokon por ni kiel peranto de dokumentoj, per kiuj diverslingvanoj povas ion interesan ekscii.*

Intervjuis Andrzej PETTYN, redaktoro de Pola Radio

**RECENZO**

# Dokumento pri kruela milito

**Rakontoj pri Sarajeva Sieĝo.** Zlatko Dizdareviĉ. El la serbo-kroata al la franca tradukis Saŝa Sirovec, el la franca al Esperanto tradukis François Lo Jacomo. Eldonis: F. Lo Jacomo, Parizo 1993. 80 p. 16x24 cm, 60 francaj frankoj.

Ĵus mi legis libron de germana ĵurnalisto, multjara korespondanto en eksa Jugoslavio, kiu provas klarigi la „logikon de frenezego" fone de tiu milito. Kvankam mem ĵurnalisto, scianta ja multajn historiajn kaj aktualajn detalojn pri sia naskiĝ-lando, mi teruriĝis legante tiom kompakte pri ĝi, eksciante pliajn ekzemplojn de malhomeco.

**Rekte el la kaĝo**

Kaj nun en miajn manojn trafas libro de alia ĵurnalisto, kiu sidas rekte en la kaĝo Sarajevo, kiu ne provas sagace klarigi, sed simple rakontas kaj priskribas. Ĝis enlitiĝo mi sukcesis legi nur la duonan taglibron; nokte mi havis koŝmarojn, vekiĝis sonĝoplorante...

Certe, ni scias el gazetaro kaj televido pri la teruraĵoj en Sarajevo, sed estas alia afero legi pri la ĉiutaga vivo kaj morto, sperti per la okuloj de rekta kaj implikita observanto katastrofojn kaj ŝajnajn bagatelojn, suferojn kaj ĝojetojn, trukojn por eskapi kaŝpafistojn kaj nenionfaradon de UN-trupoj.

Zlatko Dizdareviĉ estas redaktoro de la sola sendependa ĵurnalo en Sarajevo, *Oslobodjenje* (Liberigo), en kiu kunlaboras muzulmanoj (islamanoj), kroatoj kaj serboj. La taglibron, el kiu estiĝis ĉi tiu libro, li verkis por sendependa kroata ĵurnalo *Slobodna Dalmacija* (Libera Dalmatio, Split), por ke la ekstera mondo eksciu la veron pri la sieĝata Sarajevo.

**„Nur" rakontas**

45jara Dizdareviĉ sen ia ajn dubo estas lerta ĵurnalisto, kiu scias kiel komuniki verojn kaj mesaĝojn: oni devas celi al koroj kaj animoj de legantoj. Li malmulte komentas, foje eĉ ne klarigas, ofte demandas kaj jen kaj jen rezonas. Sed precipe kaj plej ofte li „nur" rakontas, priskribas, notas. Ĝuste ĉi tiuj partoj de lia taglibro estas la plej fortaj, plej impresaj, plej trafaj: ni, legante inter la linioj, ekkonas kaj eble ekkomprenas la tutan teruran kaj ŝokan veron pri kruelega milito. (Tre trafa, pro tio, estas la titolo de l' Esperanto-eldono.)

Ekzemple la 8an de julio 1992 li skribis: „Se surstrate oni renkontas iun, oni preskaŭ ne plu interparolas. Imagu, kiel stulta aspektas demando: «Kiel vi fartas?» ..." La 2an de junio li raportas, ke atingis la redakcion informo pri modifo de tenisoregulo. Kaj li rezonas: „Tamen, io estas esenca, nome ke tiu informo ja el Parizo atingis nin: do ankaŭ informoj pri niaj okazantaĵoj havas ŝancon."

**Reduktita revo**

Rakontante (la 17an de majo 1992) pri knabineto Lana, kiu pro bonaj lernejaj notoj petas de sia patro glaciaĵon (kiun oni ne povas ricevi), per jena demando Dizdareviĉ kondukas al kerno de l' afero: „Ĉu tiuj, kiuj reduktis al unu glaciaĵo la revon de Lana, kaj ĉiujn ŝiajn estontajn jarojn al subkonscia timo je obusoj semantaj malsaton, soifon kaj suferon, ja opinias, ke oni forgesos kaj pardonos?"

Abundas, kompreneble, raportoj pri suferoj, murdoj kaj mortigoj, ĉiaspecaj kruelaĵoj. Pri politikaj aferoj li ne tre multe skribas, sed evidente agacas lin precipe la UN-respondeculoj,

kiujn ofte li superŝutas per ironio kaj satiro - tamen ne ordinarajn UN-soldatojn.
La libron kompletigas antaŭparolo de Rony Brauman, prezidanto de *Kuracistoj sen limoj*, konciza biografio de Zlatko Dizdareviĉ (bedaŭrinde sen foto), kronologio de disfalo de Jugoslavio kaj sekvaj militoj, mapoj kaj glosaro. Entute: respekton al financantoj, tradukintoj kaj eldonantoj pro tiu ĉi vere unika kaj valorega kaj (bedaŭrinde ankoraŭ!) plej aktuala dokumento, kiu *devas* trovi intereson de ĉiu ano de l' Esperanto-kulturo!
Menciindas, ke premiojn al Dizdareviĉ aljuĝis *Reporteroj sen limoj* kaj Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (Premio Privat).

**Mirinde facilaj tekstoj**

Ĝenerale, lingvaĵo, kompostado, grafika prezento ktp. estas senriproĉaj. La tekstoj estas mirinde facilaj, se oni prikonsideras la komplikan enhavon; merito, sendube, kaj de la ĵurnalista aŭtoro kaj de l' tradukintoj. Bedaŭrinde mankas prononc-indikoj de personaj nomoj; mi persone ŝatus ankaŭ vidi reproduktaĵon de la ĵurnalo *Oslobodjenje*. Pri du lingvaj eroj mi tamen stumblis. Unu el ili estas la konstanta uzo de „tago post tago", kiu evidente bezonus finaĵon -n (tagon post tago). La alia estas neologismo *snajpero*, prenita el angla lingvo; kial ne la simpla kaj trafa Esperanto-formo *kaŝpafisto*? Cetere, nur iom ĝenas min (sed mi estas fanatika pri tiaj aferoj) la nekutima lokado de demandosignoj kaj dupunktoj kun spaco inter ili kaj la antaŭa vorto.
Stefan MAUL

***

Ĉefa vendanto de la libro estas direktoro de *KancerKliniko* (kaj TEĴA-membro)
Ĵak LE PUIL
Les Cocherats
F-18210 Thaumiers
Francio

Prezo: 60 francaj frankoj + 20 % sendokosto. Triona rabato ekde tri ekzempleroj.
UEA-konto: klik-g
Franca poŝtkonto: 12-729-73 X Paris




„Nekredeble! Ni fiksis la rendevuon je la 20a, kaj nun estas jam la 22a horo!"
„Sed, kara, vi ja scias: ĉiuj horoj laŭ universala grenviĉa tempo!"

**E-MOVADO**

# Grava rekono por Pola Radio

**Grava rekono por Esperanto-redakcio de Pola Radio: ĝi estas honorigita per la premio Onisaburo Deguchi.**

La dedicon alprenis la estraro de Universala Esperanto-Asocio (UEA) dum sia printempa kunsido, la enmanigo sekvis dum la solena fermo de l' UK en Valencio.
Osmo Buller, direktoro de Centra Oficejo de UEA, en letero al Pola Radio klarigis: „Premio Onisaburo Deguĉi estis starigita en 1987 okaze de la 100-jara jubileo de Esperanto laŭ la iniciato de la japana Esperanto-Propaganda Asocio de Oomoto. Per ĝi oni distingas la plej meritajn agadojn, kiuj utiligas Esperanton kaj kontribuas al la monda paco kaj interkultura kompreniĝo.
Per la aljuĝo de la premio la estraro de UEA volas esprimi sian grandan respekton kaj dankemon al via agado por peri informojn pri Pollando, al kiu esperanto-parolantoj ĉiam sentas apartan intereson, ĉar en via lando vivis kaj laboris d-ro Zamenhof kaj tie ekestis Esperanto. Tiurilate via laboro ricevis eĉ pli da graveco pro la grandaj ŝanĝoj, kiuj okazas en via lando. Viaj intervjuoj kun diverslandaj esperantistoj, diskonigo de la Esperanto-agado tra la mondo kaj raportoj pri Esperanto-renkontiĝoj kontri-

## Aŭskulti pli bone

Esperanto-Redakcio de Pola Radio kompilis konsilojn por bona aŭskultado de radioprogramoj. Oni povas senpage ricevi la folion ĉe
Pola Radio
Esperanto-Redakcio
Box 46, PL-00-950 Varsovio

buas al internacia amikeco kaj kompreniĝo en la spirito de la Premio. Aparte valora estas via ĉiutaga kontribuo al la plua evoluigo de Esperanto kiel lingvo. Krom via kontribuo al la evoluigo de la ĵurnalisma lingvaĵo, elstarigon meritas viaj tradukoj el la pola literaturo, kiuj fariĝis fenomeno en la Esperanto-kulturo kiel vivanta literatura magazino."

Eminagiante la premion en Valencio al redaktoro Andrzej Pettyn, la reprezentanto de Oomoto, Yosimi Umeda, esprimis ĝojon pro la trafa atribuo de la premio al la E-Redakcio de Pola Radio kaj diris i. a.: „Per tio ĉi ni distingas vin kiel plej meritan aganton por la jaro 1993 pro via aktivado en utiligo de Esperanto kiel potenca rimedo por monda paco kaj homara feliĉo konforme al la idearo de Lazaro Ludoviko Zamenhof, kreinto de Esperanto, kaj la instruoj de Onisaburo Deguchi, kunfondinto de la Oomoto-movado."

La premion akompanas sumo de 4000 nederlandaj guldenoj.

**Komuna sukceso**

Transprenante la premion, estro de la Esperanto-Redakcio de Pola Radio, Andrzej Pettyn, esprimis sian grandan ĝojon pro la honorigo kaj substrekis, ke la premio estas komuna sukceso de redaktoroj kaj aŭskultantoj, kiuj diversmaniere kontribuas al la laboro, per leteroj, raportoj, sed ankaŭ per gastigo de raportistoj dum Esperanto-aranĝoj. Sekve li dankis ĉiujn Esperanto-organizaĵojn de UEA ĝis lokaj Esperanto-grupoj, kiuj subtenas ka aplikadon de Esperanto en radio, kaj li aparte emfazis, ke kvankam Pola Radio estas ŝtata radiostacio kaj ĝia ĉefa tasko estas informi pri la propra lando, sed per la enprogramigo de Esperanto-temoj oni samtempe kontribuas al pli bona interpopola kompreniĝo kaj integriĝado de Esperanto-parolantoj.

Redaktoro Petty diris, ke la informado ludas gravan rolon en la antaŭenigado de Esperanto kaj li kaj liaj gekolegoj plu agos en tiu sfero, sekvante la saĝajn vortojn de Zamenhof, kiuj troveblas sur lia unua libro „Por ke lingvo estu tutmonda ne sufiĉas nomi ĝin tia!"

***

TEĴA kore gratulas al la gekolegoj en Varsovio pro ĉi tiu alta distingo! Ne ofte okazas, ke la fervoran laboron de esperantistaj ĵurnalistoj oni tiel rekonas. Des pli ni ĝoju pri tiu ĉi escepto.

## INFORM-AGENTEJOJ

# Nova centralo de Reuters en Moskvo

**Meze de julio 1993 en Moskvo malfermiĝis nova centralo de la mondfama kaj unu el plej grandaj inform-agentejo *Reuters*.**

Ĝi estas la plej moderna centralo por kolektado de novaĵoj en orienta Eŭropo kaj ankaŭ plej grava ĉenero en reto de 118 burooj, dise en la tuta mondo. En ĝi aktivos pli ol 150 kunlaborantoj.

La agentejo mem agadas en Moskvo ekde 1958 kaj okupis multajn dislokitajn ejojn. Tio estis ne oportuna. Nun, kelkajn minutojn for de Kremlo, en hotelo Slavjanskaja (Radisson), la nova centralo unuigas televidon, teksto- kaj foto-servon en plene integrita inform-servo por amaskomunikiloj de la tuta mondo. Oni povas uzi servojn de filmistoj kaj muntejoj kaj ankaŭ studion kun rigardo al „Blanka Domo", ministrejo pri eksteraj aferoj kaj rivero Moskvo. Per bonege ekipita aparataro oni povas atingi tutgloban satelitan reton de almenaŭ tri satelitoj: Eutelsat, Intelsat kaj Intersputnik. Antaŭe la agentejo devis uzi perant-satelitojn.

Ekster Moskvo, *Reuters* havas buroojn ankaŭ en Kievo kaj Tbilisi (Kvartelio), krome korespondantojn, filmistojn kaj muntistojn tra tuta teritorio de KSŜ (Komunumo de Sendependaj Ŝtatoj = eks-Sovetio), kaj moveblan stacion de satelita komunikado por akcelo de novaĵ-kolektado en ĉiu ajn loko de Ruslando, Ukrainio aŭ Kaŭkazo. Do sistemo de *Reuters* trairis longan vojon ekde 1851 kaj nun estas pliriĉigita per nova perlo, kia estas nova moskva centralo „por kolektado kaj disvastigado de precizaj kaj objektivaj novaĵoj". NikSt

## GERMANIO

# Nova radiostacio

Ekde januaro 1994 en Germanio elsendas nova nacia ŝtata radiostacio Deutschlandradio (Germania Radio), kiu estiĝis el tri diversaj radiofoniaj organizaĵoj de okcidenta Germanio, Berlino kaj orienta Germanio. La nova stacio elsendos du programojn; unu el ili praktike restos neŝanĝita tiu de Deutschlandfunk (Germania Radiofonio) en Kolonjo, kiu elsendas precipe politikajn informojn. Pri la enhavo de la alia programo, produktota en Berlino, oni ankoraŭ ne scias detalojn, sed probable ĝi koncentriĝos je muziko kaj kulturo.

La stacio estas financata nur per kotizoj, ne per reklam-enspezoj. Jam de 1992 ĉiu germana radio-aŭskultanto pagas monate 0,70 germanajn markojn por la nova stacio. El la ĝisaj kunlaborantoj de la tri stacioj proksimume la duono perdos siajn postenojn; entute por la nova stacio deĵoros 710 personoj. Parton de maldungitoj transprenos Deutsche Welle (Germana Ondo), la stacio por eksterlando.

ĈINIO

# Kontraŭ korupteco

Ĉina registaro volas ekstermi ĵurnalistan koruptecon. Per edikto de l' ministerio pri propagando kaj de gazetara administracio oni severe malpermesas, skribi informojn kontraŭ pago. Ĵurnalistoj ne rajtas akcepti monon, varojn aŭ akciojn aŭ postuli ilin. Oni devas strikte disigi informojn kaj reklamojn, postulas la preskribo, kiu okulfrape aperis komence de aŭgusto en ŝtataj amaskomunikiloj. Televid-jurnalo dediĉis al la temo 5 minutojn, kvaronon de l' tempo uzata por interna politiko.
Tiu, kiu neglektas la novajn preskribojn, devas atendi severajn konsekvencojn, diris propagandoministro Ding Guanggeng la saman tagon dum konferenco de estroj de gravaj ŝtataj komunikilaj organizaĵoj. Detalojn pri punoj li tamen ne diris. La ministro instigis la komunikilojn, ellabori ankaŭ proprajn preskribojn, por ĉesigi ĉi tiun „misevoluon". La „pagitaj informoj" montras, ke la „glorigo de mono atingis ankaŭ la gazetaran korpuson". Oni devas ne toleri la fenomenon, diris la ministro.

NORDIO

# Centro de verkistoj

**En Visby, Svedio, ekzistas nova centro de verkistoj kaj tradukistoj.**

La nova *Baltmara Centro* celas esti kultura renkontejo por la estonteco en la nova Eŭropo, kaj oferti fokuson por verkistoj kaj tradukistoj el Svedio, Finnlando, Ruslando, Estonio, Latvio, Litovio, Pollando, Germanio, Danlando kaj Norvegio. La centro ofertas trankvilan kaj efikan laborlokon por periodoj de kelkaj tagoj ĝis unu monato aŭ pli. Verkistoj kaj tradukistoj povas renkonti kolegojn por interŝanĝi ideojn, por komenci projektojn kunlaborajn aŭ por labori pri siaj propraj projektoj.
Seminarioj, edukado, kulturprojektoj kaj asociaj renkontoj estas aliaj ekzemploj de aktivado. Laboro farota en la centro povas esti ne nur beletra, sed ankaŭ temi pri kreotaj vortaroj kaj aliaj faklibroj ktp.
La centro estas ekipita per telefono, telefakso, komputiloj ktp. Specialaj laborstacioj kun altkapacitaj komputiloj kaj datenbazoj kaj bone ekipita biblioteko kreiĝos kunlabore kun altlernejo je dekminut-promena distanco. Subvencias la centron la sveda ŝtato kaj la Gotlanda Komunumo. Verkistoj kaj tradukistoj tial devas pagi nur vojaĝojn, manĝaĵojn kaj personajn telefonvokojn. Dum la unuaj tri jaroj la centro ofertas ankaŭ dek stipendiojn.
Petu informojn, prefere en unu el la lingvoj sveda, dana, norvega, angla, rusa aŭ franca, ĉe

Östersjöns Författar- och Översättarcentrum
Uddens gränd 3
S-62156 Visby, Svedio
telefono +46498 / 218764
aŭ 218385
telefakso +46498 / 218798

SCIENCO

# Ŝanĝiĝo de gazetara doktrino en Sovetio

**Jukka PIETILÄINEN ellaboris studon por magistriĝo en departemento pri ĵurnalismo kaj amas-komunikado de universitato de Tampere (Finnlando). La 175-paĝa studo temas pri ŝanĝiĝoj en eksa Sovetio kaj estis akceptita en junio 1993. Li prezentas jen resumon en Esperanto.**

Tiu ĉi ampleksa studo enhavas tri partojn. Unue ĝi donas trarigardon al la tradicia kaj la nuna gazetar-doktrina diskuto, ekde la fonda verko de ĉi tiu ĝenro: „Four Theories of tre Press" (Kvar gazetaraj teorioj/doktrinoj, 1956). Gazetara doktrino estas la tutaĵo de gvidaj principoj pri tio, kiel la gazetaro funkcias aŭ devus ideale funkcii en la socio kaj kio kaŭzas la diferencojn, kiujn oni povas rimarki en divers-epoka kaj diverslanda gazetaro (aŭ, pli ĝenerale, en la tuta amaskomunikada sistemo).
La dua parto de la studo traktas la principojn kaj postulojn de la eksa sovetunia, marksisma-leninisma gazetara doktrino el vidpunkto de originaj sovetiaj fontoj kaj ilia okcidenta kritiko. La bazon de gazetara doktrino formis partiisma principo, al kio baziĝis ĉio alia. Tamen la principaro de la sovetia doktrino estis pli vasta ol la okcidenta kritiko ĝin spegulis, enhavante i. a. la principojn de laŭvereco kaj malfermiteco, kiuj tamen restis subpremataj ĝis la glasnost-periodo.
La tria parto de la studo traktas la evoluon de gazetar-doktrinaj ideoj dum la lastaj kvin jaroj (1988 - 1992). Ĝi traktas la novajn ideojn el tri vidpunktoj:

- la libereco de gazetaro,
- rilato inter la gazetaro kaj la ŝtata potenco, kaj
- la plurismo de la gazetaro.

Studmaterialo estas la gazetaraj leĝoj de Sovetunio (1990) kaj Ruslando (1991), la etika kodo de sovetiaj ĵurnalistoj (1991) kaj artikoloj aperintaj en la gazeto de ĵurnalista sindikato *Ĵurnalist* kaj en la scienca gazeto pri ĵurnalistiko de Moskva Universitato *Vestnik MGU, Serija 10, Ĵurnalistika.*

**Libereco**

Laŭ la plej ofta opinio, la libereco de la gazetaro apartenis en glasnost-perioda Sovetio al ĉiu, kiu havas ion por diri. Tamen la

gazetaraj leĝoj kaj etika kodo malpermesis la uzon de gazetara libereco, se ĝi minacas la interesojn de la tuta socio, privatecon aŭ laŭleĝan intereson de individuo aŭ la protekton de minoritato. Tamen mankis iloj por difini la kazojn, kiam la privateco de (ekz. potenc-hava) individuo devas cedi al la intereso de la tuta socio.
Kaj la sovetia kaj la rusa gazetara leĝo enhavas punkton, kiu postulas, ke la gazetoj havu licencon, kio estas en okcidenta tradicio klare kondamnita kiel cenzuro. Tamen la postuloj por ricevi la licencon estas relative malstriktaj kaj la ŝtato ne aktive agis kontraŭ tiuj gazetoj, kiuj ne volis akiri licencon (escepte en la regionoj, kie konservativuloj havis la potencon, ekz. en Bjelorusio).
La striktaj kaj detalaj preskriboj havas sian klarigon en historia fono. En cirkonstancoj, kie la socio ĵus forlasis cenzuron (ĝin la leĝoj malpermesas, la rusa leĝo eĉ kun detala difino, kio estas cenzuro), ne facilas havi ekstrem-liberalan gazetaran leĝon. Tamen ankaŭ en okcidentaj landoj, ekz. Finnlando, la gazetara libereco evoluis pli laŭ liberiĝo en praktiko ol sekvante la malpermesojn kaj sankciojn de la gazetara leĝo.

**Rilato al potenc-havuloj**

Malgraŭ forigo de cenzuro kaj liberiĝo de la gazetaro, inter la novaj potenc-havuloj troviĝas daŭre koncepto, ke la gazetaro estu servanto de la potenc-havuloj. Speciale, la potenc-havuloj volis havi kontrolon super la televizio, kio kaŭzis ekz. la fondon de aparta ruslanda televizio per subvencioj de Ruslanda Federacio. Krome la urbaj konsilantaroj, kiuj estis sub kontrolo de reformemuloj, financis la lanĉon de pluraj novaj gazetoj. La potenc-havuloj ankaŭ volis havi la produktadon de gazetara papero kaj la presejojn sub monopola kontrolo.

**Plurismo**

La glasnost-periodon markis la inundego de amas-komunikado: aperis centoj da novaj gazetoj, sendependaj radiostacioj kaj inform-agentejoj. Samtempe la entuta cirkulado de gazetaro kreskis. La gazetaro plenumis funkciojn en la organizado de la civitana socio, kiun la aliaj malevoluintaj forumoj ne povis plenumi. Unuopaj gazetoj enhavis plej diversajn opiniojn kaj ilia linio ankoraŭ ne difiniĝis, tamen granda parto el la publiko sentis sin fremde en la plurisma medio. Ankaŭ la volo al „universala gazeto", kiu spegulus la tutan ekzistantan opiniaron, fortiĝis.
La ekonomia evoluo grave malhelpis la evoluon de multvoĉa gazetaro ekde la jaro 1991. La tutlanda gazetaro klare perdis legantojn, aparte suferis tutlandaj revuoj kaj la eksaj partiaj gazetoj. Komenciĝis ankaŭ diferenciĝo laŭ celgrupoj: ekzemple la gazeto de komercistoj *Kommercant* direktiĝis nur al pagi- kaj aĉet-pova legantaro. La diferenciĝo estas rimarkinda ankaŭ pro tio, ke antaŭ 1985 la legantaroj de diversaj gazetoj apenaŭ diferencis.

**Malklaraj kaj ŝanĝemaj**

La sovetiaj/ruslandaj ideoj pri gazetara doktrino estas ankoraŭ relative malklaraj kaj ŝanĝemaj. La evoluo de la praktikaj kondiĉoj havas influon ankaŭ al tiuj ideoj, kiujn la ĵurnalistoj kaj la fakuloj havas pri ĵurnalismo.
La sociaj kondiĉoj donis feukndan grundon al ideoj pri gazetara libereco kaj multflankeco. La trajtoj de socie respondeca gazetaro ne aperis tre klaraj. Tiaj ideoj aperis plejparte inter esploristoj kaj la tradicia gazetaro. La nova gazetaro emis defendi la ekstreman liberecon kontraŭe al la antaŭa sovetia doktrino.
La diktado de merkato formas unu minacon al la akirita libereco. Almenaŭ parto el ĵurnalistoj opinias la influon de reklamantoj kaj sponsoroj natura. La malevoluo de reklam-merkato kaj la ĝenerala falo de la ekonomio grave malhelpas la evoluon de gazetaro.
Tamen tute klare eblas antaŭvidi, ke la antaŭa centrisma strukturo de gazetaro ne havas eblecojn reveni. La plej proksiman ekzemplon pri la estonta gazetara strukturo donas Usono, kie aperas nur malmultaj vere tutlandaj gazetoj. ■

**JAPANIO**

## *Ponteto* malaperas

**Ke aperas novaj revuoj, jen ofta fenomeno en Esperantujo; sed malofte gazeto el si mem anoncas malaperon.**

Tiel nun okazis en Japanio, kie Esperanto-Ligo en regiono Kantô (ELK) decidis „preni la novan direkton de sia agadvojo. La dua punkto de l' decido estas: „La monata gazeto (organo) PONTETO ĉesigos eldonon antaŭ la fino de ĉi tiu jaro 1993."

**Duoble kaj multoble**

Oni argumentas, ke en Japanio funkciadas Esperanto-organizaĵoj duoble aŭ multoble. „Se temas pri la afero en nia regiono Kantô, en kaj ĉirkaŭ la granda metropolo Tokio, observiĝas ia stranga fenomeno malracia, ke la membroj de la Ligo preskaŭ cent-procente estas la membroj de JEI [Japana Esperanto-Instituto], inverse tamen, ne ĉiuj membroj de JEI en tiu regiono, nur ĉirkaŭ 20 %, apartenas al tiu regiona Ligo."
Pri la gazeto oni klarigas: „.... en Japanujo ekzistas kelkaj monataj gazetoj eldonataj de Esperanto-organizaĵoj, inter kiuj troviĝas *La Revuo Orienta* (de JEI), *La Movado* (de kelkaj ligoj en okcidenta Japanujo) kaj ankaŭ PONTETO (de nia Ligo),

havante intencon distribui sin en tutlanda vasteco eĉ eksterlanden. Krom tiuj troviĝas ankaŭ multaj periodaĵoj de diversaj Esperanto-grupoj lokaj aŭ libervolaj, el kiuj kelkaj funkcias ankaŭ havante intencon influi sur sufiĉe vasta Esperantistaro en kaj ekster nia lando Japanujo. Ĉu tia maniero montras riĉecon de Esperantujo en Japanujo? Kredeble ne! Ĝi montras malefikecon aŭ eĉ kaoson de Esperantaj agadoj en Japanujo, probable reflektinte la komplikan sistemon de la membriĝo al la japana Esperantistaro."

*Ponteto* estis dulingva, tamen kutime la japanlingva parto estis pli ampleksa ol tiu en Esperanto.

Similan decidon prenis antaŭ kelkaj jaroj ankaŭ germanaj esperantistoj, kiam regiona ligo de Baden-Virtembergo rezignis pri propra organo favore al tutgermana gazeto *Esperanto aktuell*. En Germanio el regionaj gazetoj restis memstara nur *Esperanto en Bavario.*

**HISTORIO**

# Ekspozicio pri laborista E-movado

**Dum UK en Valencio la partoprenantoj povis vidi ege interesan kaj bonege faritan ekspozicion pri la laborista Esperanto-movado. Granda parto de l' montrita materialo estas gazetoj.**

La ekspozicion kompilis kaj instalis Fritz-Hüser-Instituto [Fric-Hiser-I.], kiu troviĝas en germana urbo Dortmundo; ĝi okupiĝas precipe pri laborista literaturo kaj ĝia historio. Ĉar estas germana instituto, ekspozicio kaj katalogo estas dulingvaj, en germana kaj lingvo internacia. Teknike, la ekspozicio estas aranĝita tiel, ke facile oni povas transporti kaj do montri ĝin ie ajn. La instituto volonte disponigas ĝin tiucele.

Ĝi prezentas laboristajn E-gazetojn, fotojn, afiŝojn, flagojn, alvokojn kaj multajn aliajn dokumentojn. La katalogo enhavas klarigojn de l' institutestro *Rainer Noltenius* pri la instuto kaj ĝia Esperanto-arkivo, artikolojn de *Detlev Blanke* pri la Germana Laborista Esperanto-Asocio, de *Eduard Weichman* (Kroniko) kaj de *Ulrich Lins* pri Esperantistoj en la Hispana Intercivitana Milito; kompletigas la katalogon bibliografio pri la temo de *Blanke* kaj superrigardo pri la Esperanto-arkivo de *Jiri Proskevec.* En la katalogo troviĝas ankaŭ pluraj fotoj kaj reproduktaĵoj de literaturaĵoj.

Tial, eĉ se oni ne havas okazon mem vidi la ekspozicion, valoras aĉeti la katalogon, kiu kostas nur 10 DEM (germanajn markojn). Oni povas mendi ĝin ĉe la libroservo de UEA aŭ rekte ĉe SAT-membro
Albert F. Stephan
Carmenstr. 5
D-40549 Düsseldorf
Germanio

Sed vi povas ricevi la katalogon ankaŭ senpage, se vi helpas la instituton. Vidu pri tio la apudan keston el *Valencia Suno*, la kongres-kuriero. Adreso de la Instituto:
Fritz-Hüser-Institut
Ostenhellweg 56-58
D-44122 Dortmund
Germanio

**Savu historiajn materialojn!**

La Instituto Fritz Hüser, organizinta la ekspozicion sur la halo de la kongresejo, kolektas kaj konservas materialon pri la internacia laborista literaturo, kaj alvokas al disponigo de tiutemaj dokumentoj donace aŭ prunte por kopii kaj aldoni al la migranta ekspozicio. Tiel oni evitos, ke tiel valora materialo perdiĝu. Al ĉiuj donacintoj aŭ pruntdonintoj oni volonte donacos ekzempleron de la dulingva ekspozicia katalogo 113-paĝa kaj riĉe ilustrita, cetere aĉetebla en la Libro-Servo. La 30-panela ekspozicio estas prunteplenebla kaj prezentebla ankaŭ en aliaj landoj. Por ambaŭ aferoj eblas kontakti d-rojn Ulrich LINS (kn 519) aŭ Rainer NOLTENIUS (kn 1422).

**UK VALENCIO**

# Konsilaro neglektita

**Dum la UK en Valencio bonege laboris la gazetaro servo sub gvido de *Gian C. Fighiera* kaj ankaŭ kongresa kuriero, redaktita de *António Martins* kaj *Marcos Cruz* estis bone farita.**

La agado de l' gazetara servo donis eksterordinare pozitivan rezulton. Aperis ĉiutage artikoloj kaj fotoj, ĉiuj televidstacioj filmis, kelkaj eĉ plurfoje.

La kongresa kuriero *Valencia Suno* aperis regule kaj akurate, bone aranĝita de la du junaj redaktoroj el Portugalio kaj Hispanio. Ke enestis relative multaj kompost-eraroj, ne povas mirigi tiun, kiu iam mem redaktis kurieron, kaj precipe ne tiun, kiu vidis la mizerajn cirkonstancojn, en kiuj devis aktivi kuriero kaj gazetara servo en Valencio.

Ne nur mizeraj sed preskaŭ nulaj estis labor-eblecoj por aliaj ĵurnalistoj. Je dispono estis entute 2 skribmaŝinoj, el kiu unu kaduka sur simpla breto, kiu saltis ĉe ĉiu klavpremo... Neniu trankvila ĉambro por verki aŭ intervjui; mirinde kiel elturniĝis ekzemple *Andrzej Pettyn*, kiu ĉiutage devis liveri sonmaterialon al Pola Radio.

Oni demandas sin, por kio kaj por kiuj TEĴA kun Informa Fako de UEA kompilis konsilaron, se oni tiom neglektas ĝin. sm

# Kial troviĝas tiom da lingvo-eraroj?

**Jam antaŭ multaj jaroj mi atentigis redakciojn de la Esperanta gazetaro pri lingvaj eraroj en iliaj revuoj kaj gazetoj. Ofte oni respondis al mi nur per pretekstoj, kaj neniam estis farita pozitiva agado por elimini subnorman lingvouzon.**

Sekve, gramatikaj, semantikaj kaj stilaj misaĵoj senĉese plagas legantojn. Mi esperas montri unu el la vojoj al plibonigo de la uzo de Esperanto en niaj periodaĵoj.

**Ne temas pri pres-eraroj**

La eraroj, pri kiuj mia kritiko temas, ne estas tiuj t. n. preseraroj[1], kiuj makulas la paĝojn de preskaŭ ĉiuj publikigaĵoj en Esperantujo. Per la ekzemploj, kiujn mi prezentas ĉi-sube, estos facile konstateble, ke la eraroj ne estiĝis dum kompostado de tekstoj, do vane oni povas kulpigi la malican presejan koboldon; ĉi-foje li[2]) ne respondecas.
Tiuj eraroj jam estis en la manuskriptoj, antaŭ ol la verko atingis la redakcion. La klarigo de ilia apero en la presita periodaĵo estas kristalklara. Unue, la verkintoj de la koncernaj pecoj ne kompetente regas Esperanton. Due, la redakcianoj de la periodaĵo ne estas sufiĉe lertaj por elsarki tiujn misaĵojn dum legado de la manuskriptoj kaj ankaŭ poste okaze de provlegado de la kompstitaj tekstoj.
La rezulto estas, ke la povraj legantoj estas trompitaj; ili pagis altan abonkotizon por revuo, kiu venas al ili kun tekstoj en subnorma Esperanto. Kiu opinias, ke mi troigas, legu la sekvajn kvin citaĵojn, kiujn mi ĉerpis el lastatempe aperintaj numeroj de *Monato*. Ĉu vi povas kapti la malĝustaĵojn? Klarigoj troviĝas ĉe la fino de tiu ĉi artikolo.

**Kvin erarhavaj frazoj**

1. „La diametro de atomo estas 0,1 nanometro [...] sed la diametro de la kerno estas centmil-foje malpli granda ol la tuta atomo." (2/1993, p. 18, kol 1)
2. „Retroirante en la tempo, kvankam ĝi estas simpla nocio kies diversaj eroj portas nin en unikan finan celon, komunan al ĉiuj, memoraĵoj fariĝas atestaĵoj pri la homa vivo, kies ĉefa celo estas eskapi la timon per ĝuado de tiu tempo kiun la morto donacas al ni de la naskiĝo." (2/1993, p. 26, kol 1 - 2)
3. „Tial en estontaj elektoj de nova parlamento rajtos nur partopreni latvoj, t. e. tiuj, kiuj havas sian civitianecon de antaŭ la soveta okupacio." (3/1993, p. 6, kol 2)
4. „Dum trajna krozo, kiu inkludis viziton al Irlando, oficiroj kaj kadetoj de la argentina mararmeo ĉeestis solenan ceremonion [...]" (3/1993, p. 12, kol. 1)
5. „Kontraŭuloj opinias, ke distanco inter la turo kaj apuda ŝoseo estas tamen sufiĉe longa por absorbi vibradon [...]" (5/1993, p. 16, kol. 3)

**Du plibonigaj rimedoj: nova rubriko kaj konkurso**

Por atentigi ĉiujn, kaj legantojn kaj redakcianojn, pri la speco de erara lingvouzo troviĝanta en la ĉi-supre cititaj frazoj, mi proponas, ke estu inaŭgurita en ĉiu Esperanta revuo kaj gazeto nova rubriko titolita „Eraroj de la monato" (se temas pri periodaĵo aperanta ĉiumonate). Ĝia celo estos listigi lingvajn misaĵojn en antaŭaj numeroj de la periodaĵo, por ke legantoj povu fari la necesajn ĝustigojn en siaj ekzempleroj. Tio, kompreneble, estas nepre farenda tasko por tiuj, kiuj uzas ilin kiel lernilojn en Esperanto-kursoj. Ankaŭ aŭtoroj kaj aliaj kunlaborantoj profitos de la didaktika enhavo de la nova rubriko.
Dua propono por plialtigi la lingvonivelon de la Esperanta gazetaro estas organizi konkurson inter la legantoj, kiuj ricevos taskon por spuri erarojn en ĉiuj numeroj kaj informi la redakcion pri ili. Tiuj aglokulaj legantoj ricevos unu poenton por ĉiu eraro, kiun ili malkovras, kaj ĉe la fino de la jaro la redakcio sumigos la poentaron kaj premios la plej altajn rezultojn per rabatita abonprezo por la sekva jaro.

**Klarigo pri la kvin erarhavaj citaĵoj**

1. Plrufoje artikoloj venantaj el la plumo de germanlingvuloj enhavas eraran uzon de „foje" anstataŭ „-oble", ĉar la germana vorto *mal* havas ambaŭ signifojn. En la citaĵo, temas pri grandeco, ne ofteco, do estas necese skribi „centmiloble".
2. Laŭ stila vidpunkto, ĉi tiu frazo estas monstraĵo, ĉar oni devas plurfoje legi ĝin por provi kapti la signifon - se ĝi eĉ havas ĝin. La adverba participo „retroirante", kiu staras ĉe la komenco de la frazo, devas rilati nur al la subjekto, sed kie ĝi estas en tiu labirinto de vortoj? La sola maniero fari la frazon senchava estas reverki ĝin en la formo de du aŭ tri malpli longaj frazoj, en kiuj la konceptoj de la aŭtoro estas pli klare esprimitaj.
3. En preskaŭ ĉiu numero de *Monato* dum la pasintaj 14 jaroj troviĝas misuzo de la vorto „soveta". Ĝi estas la adjektiva formo de la substantivo „soveto", kiu signifas konsilion, kon-

---

[1]) La preseja koboldo malice eĉ la terminon konfuzas: preseraroj ne estas eraroj en tekstoj, sed ekzemple eraro en paĝonumerado. Ĉi tie temas pri *kompost*-eraroj. (red.)

[2]) Mi dubas pri ĝia sekso; pli probable estas *ŝi* - ĉar kiu se ne virino povas esti tiom ruza? (red.)

silantaron aŭ deputitaron. En kuntekstoj temantaj pri la lando - Sovetio - kaj ties reĝimo kaj civitanoj, la sola ĝusta formo de la adjektivo estas „sovetia".

4. Pro sklaveca traduko el la angla originalo, la verkinto de tiu ĉi frazo du fojojn stumblis. La erara frazero „trajna krozo" devas esti en la internacia Esperanto „trejna krozado". La koncerna artikolo priskribas marvojaĝon de oficiroj kaj kadetoj, kiuj iris de Argentino al Irlando, do ili neniel povis fari tiun veturon per trajno! Ĉar temas pri kadetoj, estas evidente, ke la celo de la vojaĝo estis trejnado. La kaŭzo de la unua eraro estas la angla vorto *train* [elp. trejn]; kiel substantivo ĝi signifas trajnon, kiel verbo ĝi estas „trejni". Ankaŭ la formo „krozo" montras influon de la angla *cruise* [elp. kruz]; en Esperanto oni kutime uzas la vortformon „krozado". La ĝustigo de la erara parto de la frazo estas „trejna krozado".

5. Ankaŭ tiu ĉi frazo estas fuŝita pro etnolingva influo, kiu misgvidis la aŭtoron, kiam li skribis „absorbis". En Esperanto tiu ĉi verbo signifas „ekskluzive okupi (la spiriton aŭ atenton)". *Plena Ilustrita Vortaro* avertas, ke evitinda estas ĝia uzo en la senco de sorbi. Sekve, la frazo devas teksti jene: „Kontraŭuloj opinias, ke distanco inter la turo kaj apuda ŝoseo estas tamen sufiĉe longa por sorbi (aŭ ensorbi) la vibradon [...]"

**Redaktado de la nova rubriko**

Mi volonte plenumos la taskon de redaktoro de la nova rubriko, kiu povas aperi en ĉiu numero de IĴ. Kiu sendas ekzemplojn de erara lingvouzo, bonvolu citi la frazojn same kiel mi faris en tiu ĉi artikolo, kaj aldoni klarigon pri la kialo de la eraroj kaj la maniero ĝustigi ilin. Ĉe la fino de la jaro mi publikigos la nomojn de la kontribuintoj kun ĉies poent-sumo.

Bernard GOLDEN
Damjanich u. 1/C. I. 8.
H-8200 Veszprém
Hungario

---

## Sendu vian revuon al Pola Radio

Jen komuniko de Pola Radio, certe interesa por multaj kolegoj:

Ni informas la redaktorojn de E-gazetoj, ke ni volonte ricevados vian gazeton por citi ion el ĝi, donante per tio iom da reklamo al la koncerna gazeto. Vi ankaŭ povas iafoje sendi al ni kopion de iu grava informo aŭ artikolo aperonta en la sekva numero. Citante fragmenton de tiu teksto ni mencios tiam, ke la plenan enhavon oni trovos en ... (titolo kaj n-ro de la gazeto). Per tio niaflanke ni volas helpi la E-gazetaron kaj pli proksime kunlabori.

Adreso:
Pola Radio, Esperanto-Redakcio
P.O. Box 46
PL-00-950 Varsovio

---

# LINGVO

**PROBLEMOJ**
**DEMANDOJ**
**KONSILOJ**

## Citiloj

Stefan Maul en sia artikolo pri citiloj en IĴ 3/93, p. 10, ne parolas pri la „eŭropa presarto", sed nur el la vidpunkto de germano. Cetere, la aŭtentaj germanaj citiloj ne estas: „ " , sed „ ".

Zamenhof uzis la germanajn ĉar orienta Eŭropo estis en la germana kultursfero, kaj tio nur en la frua periodo de Esperanto.

Ankaŭ en la angla, la komenca ( " ) kaj fina ( " ) citiloj estas ja malsamaj, kvankam la komencaj ne estas malsupre lokitaj (kurioze, la britoj, ne la usonanoj, nomas ilin „inversitaj komoj" malgraŭ ke la finaj ne estas inversitaj), kaj ili fariĝis samaj nur kun la enkonduko de la tajpilo. Parenteze, la britoj kaj la usonanoj diferencas ne nur en la nomo de la signo (cit-signo, usonangle), sed substance, en tio ke ordinare (troviĝas esceptoj) la unuaj uzas la unuoblajn dum la duaj la duoblajn. En citaĵo ene de citaĵo, ili fariĝas duoblaj kaj unuoblaj respektive: Johano diras, "Paŭlo diris, 'Petro estas stulta'." Tio estas avantaĝo de la angla sistemo.

La franca havas egale diferencajn por la komenca ( « ) kaj la fina ( » ) pozicioj kaj strekon ĉekomence de ĉies parolo en dialogo, kiel:

- Alportu botelon da ĉampano.
- Kun glacio?

(Strange, Max Weber uzas la francajn, sed inverse: *Die protestantische Ethik und der »Geist« des Kapitalismus.*)

Zamenhof mem ne estis kohera en la uzo de citiloj. En la Fundamento estas uzata preskaŭ ĉie la francaj kaj escepte la anglaj. En la publikigaĵoj de la Centra Oficejo en Parizo, la francoj monopoligas la scenejon. Nur en la *Batalo de l' vivo*, probable ĉar la originalo estas angla, oni vidas la anglajn. En la *Krestomatio* troviĝas sole la francaj: strekoj por dialogoj kaj « ».

El la supra, oni povas konkludi ke Zamenhof ne pensis la citilojn esencaj por la lingvo kaj uzis ilin laŭ la loko de presado. Ne ekzistas establita maniero en Esperanto por la uzo de citiloj. Ĉiu uzas ilin laŭ sia plaĉo. La plej saĝa estas lasi evoluon preni ian direkton.

Mi opinias ke la interpunkcio de la Fundmaneto ne estas Fundamenta kaj ne devigas.

YAMASAKI Seikô

*Rim. de S. Maul:* Ankaŭ en la germana lingvo oni uzas (laŭ *Duden*) unuoblajn citilojn

(kiujn en germana oni nomas *duonaj citiloj*) por citaĵoj ene de citaĵoj. Pri Max Weber oni ne miru, ĉar fakte en germana lingvo oni uzis la signojn » « tiel, sed ili eksmodiĝis. Interese, ke *Duden* indikas, ke en lingvosciencaj verkoj, ekz. vortaroj, oni uzas ankaŭ unuoblajn citilojn supre: ' kaj ' .

## Radio-terminoj

Ŝajnas, ke la de B. Golden proponita termino *brodkasti* instaliĝas en Esperanto. Brandenburgia Esperanto-Asocio petis publikigi anoncon „en via gazeto aŭ per via brodkastejo..." En informilo de Pola Radio oni trovas la terminon *proksimaj radioj*. Evidente temas pri tiaj radiostacioj, kiujn – analoge al loka ĵurnalo – en pluraj lingvoj oni nomas *lokaj radioj* (kontraste al regionaj, tutlandaj k. s.). Ĉu, konsekvence, do tutlandaj radioj estas *malproksimaj*?

## REVUO de revuoj

**ESPERO KATOLIKA**
organo de Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista
aperis kiel numero 7-12/92 nur meze de 1993. Redaktoro *Antonio De Salvo* klarigas, ke tion kaŭzis pluraj kialoj, ekz. ke la presisto ĉesis labori kaj kunportis disketojn kun pretaj tekstoj kaj ke oni ŝtelis la aŭtomobilon de la redaktoro kun originalaj tekstoj kaj aliaj materialoj por la gazeto. Ĉu fariĝas modo, tiamaniere malhelpi E-redaktorojn? Eble vi memoras, ke oni ŝtelrompis antaŭ kelka tempo la oficejon, en kiu oni pretigas *Norvegan Esperantiston*.

**NORDA PRISMO**
reaperis meze de la jaro kiel numero 3 / 1993. Eldonas ĝin Oy Mendoservo Ak, Kivistöntie, FIN-05510 Hyvinkää, Finnlando. Prezo de la revuo kun 40 paĝoj en formato DIN A5 ne estas indikita. Redaktoro *Jukka Pietiläinen* en enkonduka artikolo skribas pri la situacio de E-gazetaro i. a.: „Mankas abonantaro, kiu decidus, kiuj gazetoj vivu, kiuj mortu. La esperanta verkisto estas grandparte artisto por si mem. Iom akre dirite ,verki esperante' signifas ofte ,verki por si mem'." Enhavo: poemoj, rakontoj, fragmentoj de romanoj, eseoj.

**EVENTOJ**
internacia sendependa gazeto pri la esperanto-movado
faris kontrakton pri kunlaboro kun Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI), laŭ kiu *Eventoj* „vaste informas pri la agado de ILEI" kaj reciproke ILEI „per ĉiuj siaj rimedoj instigas siajn membrojn, la ekursgvidantojn, la e-instruistojn aboni al la gazeto *Eventoj*".

**SAT-Amikaro / La Parizano**
organo de la Pariza Grupo de SAT, raportas pri „kretenaĵo" de franca semajn-gazeto, „stulta aserto" de ĵurnalisto pri Esperanto. *La Parizano* komentas: „Pli bone estas por ni aboni al *Monato* kiu, en esperanto, informas pri veraj eventoj."

**VERDire**
Ekologiisma Gazeto en Esperanto
En n-ro 11 jul-sep 93, redaktoro kaj eldonanto *Claude Rouget* plendas pri manko de taŭga materialo kaj malkresko de nombro de abonantoj. Krome li klarigas pri peto je revu-interŝanĝado: „Ne eblas por mi, kiu jam pagis la malprofiton de la du lastaj jaroj, sendi pliajn senpagajn ekzemplerojn." Aliajn redaktorojn li petas aboni kaj reklami por VERDire. La plendon pri ne sufiĉa materialo oni tamen ne komprenas, trafoliumante la aktualan numeron. Enestas multaj interesaj artikoloj pri variaj temoj, en plaĉa kaj bona tipografia aranĝo.

**Raporto pri la lasta evento, okazinta en la kongresejo**

Ĉiuj kongresanoj sinadiaŭis reciproke, dezirante unuj al aliaj bonan vojaĝon, sanon, feliĉon kaj ke ili denove renkontiĝu en Seulo (Koreio)

*El la lasta numero de l' kongresa kuriero de Valencio, aperinta dum la solena fermo.*



## PERSONE

Gerrit **BERVELING** estas nova ĉefredaktoro de literatura revuo *Fonto*; li transprenis la taskon de **Daniel LUEZ**.

**Andy KÜNZLI** rezignis pri sia posteno kiel redaktoro pri politiko de *Monato*. Li laboras nun ĉe Kultura Centro Esperantista en La Chaux-de-Fonds (Svislando). Lia posteulo en *Monato* estas **Paŭlo GUBBINS**, vicprezidanto de TEĴA.

S-rino **Fabienne BERTHOLET** kaj s-ro **István ERTL** geedziĝis. TEĴA kore gratulas.